# Regione

DELEGITRETA ORGANO BR/UEA
JARO 6 N-ro 9 2-a Semestro/2000

REGIONAJ DELEGITOJ
**AMAZONIA**: Pekim Tenório Vaz
**NORDORIENTA**:Paulo Amorim Cardoso
**CENTROKCIDENTA**:H.A.K.Mendonça
**ORIENTA**:L.A.de Oliveira Coelho
**SUDA**: Gloria Lucia Perine
**AM**
Amazonas-Roraima-Amapá-Pará-Maranhão-Acre-Rondônia.
**NO**
Piauí-Ceará-Rio Grande do Norte-Paraíba-Pernambuco-Alagoas-Sergipe-Bahia.
**CO**
Tocantins-Distrito Federal-Goiás-Mato Grosso-Mato Grosso do Sul.
**OR**
Minas Gerais-Espírito Santo-Rio de Janeiro.
**SU**
São Paulo, Paraná, Santa Catarina, Rio Grande do Sul.

ĈEFDELEGITO
Symilde Schenk Ledon
Redaktejo:
Campos do Jordão, SP
Caixa Postal 269
BR-12460-000
ssledon@iconet.com.br



## AL
## FAMILIO DELEGITA RETO

*Saluton!*

EĈ se ni ne aperas mencie de DR;
EĈ se ni multege agadas kaj apenaŭ estas aldonita aŭ menciita io rilate postenon, en BR;
EĈ se iam jam preskaŭ DR estis forstrekita de UEA;
EĈ se bedaŭrinde malmultaj esperantistoj povas (aŭ volas) aparteni al DR;
EĈ se leteroj por respondi sporadas;
EĈ se praktike nenie; neniam oni priparolas, aludas plu pri DR:
TAMEN ni ekzistas;
TAMEN UEA - Jarlibro sen ni estus ege malgrasa;
TAMEN estas enviinde elstara la aktiveco de la Delegitaro ene de la Movado;
TAMEN preskaŭ silente rilate DR mem,tre viglas la fidelaj reprezentantoj tutmonde, en firma apogo al nia celo esperantista!

Via UEA-BR Ĉefdelegito

## UTILAJ ADRESOJ

**Regionaj Delegitoj:**

*Pekim Tenório Vaz*
Caixa Postal 182, Belém-PA.66017-970
*Paulo Amorim Cardoso*
Caixa Postal 12162,Fortaleza-CE. 60021-970
*Henrique A.Kardec Mendonça*
Caixa Postal 120, Anápolis-GO. 7500-970
*Luiz Alberto de Oliveira Coelho*
Rua Moreira César,220-Lava Pés. Paraíba do Sul, RJ. 25850-000
*Gloria Lucia Perine*
Caixa Postal 535. Curitiba, PR. 80001-970

## AGADO

**-VD-FD en Campinas-SP,** KomitatanoA kaj Komisionano por Amerika Agado, *James Rezende Piton*, kunlabore kun la 5-a TAKE(Tutamerika Kongreso de Esperanto) pretigis resumon de la Unua Bulteno de Meksika Esperanto - Federacio kie la ĉefaj informoj temas pri programo kongresa,ekskursoj, nomoj kaj adresoj de respondeculoj pri la diversaj aranĝoj, aliĝkotizoj kaj pagmaniero. Retpoŝta adreso: mef@punto-y-aparte:com
TTT-paĝo: http://www:puntp-y-aparte:com/esperanto
En la 85-a UK-Israelo li sekretariis la kunsidojn de la UEA-Komitato kaj prizorgis la Amerikan Budon, ĉi jare respondece de Brazilo, kie ankaŭ kunlaboris, inter diversaj aliaj esperantistoj, la D kaj FD en Santos-SP, Marija Pozder Almada,kunordiganto de UALE, faka asocio de UEA.
James ankaŭ partoprenis tie televidan programon per intervjuo en Esperanto,kune kun aliaj esperantistoj, inkluzive la FD en Curitiba,PR kaj Prezidanto de la Akademio de Esperanto, Geraldo Mattos.
**-VD kaj FD en Ubá-MG,** Wâner Marlière Arruda,kiu redaktas la bultenon "La Verda Formiketo" en numero 48, organo de E-Klubo "João Ernesto", fondita je 31/05/59, sciigis pri la ellaborado de la Historio de Esperanto en Ubá, fare de la D kaj FD Edina de Barros Reis,kiu estis iama lernantino de Prof. Ismael Gomes Braga.
**-D kaj FD en Fortaleza-CE,** Wandemberg Ribeiro Moraes kaj LKK de 97-a UK en fino de novembro ricevos la viziton de UEA-UK-kunordigantoj Nikola Rasic kaj Clay Magalhães por unua laborkunsido de la kongreso.La delegitaro bv. ne forgesi ke ekde nun la varbado por UEA - membriĝo signife valoros por baldaŭa kongresaliĝo, kies kotizo favoras ilin; tiel ke, varbante por la Delegita Reto oni jam varbas por la la UK.

**-D kaj FD en Paraíba do Sul, RJ kaj RD por Oriento**,Luiz Alberto de Oliveira Coelho, fariĝis Prezidanto de Asocio Esperantista de Rio de Ĵanejro.Sinceran gratulon! **VD kaj FD en Petrópolis, RJ** Fernando José G. Marinho, translokiĝis al Rio de Janeiro, RJ kiel **F D**:Rua Jornalista Henrique Cordeiro, 190 - Apt.1708, Barra da Tijuca. Specialan mencion al lia brila kunordigado de la 36-a BKE!

**-FD en São Paulo,SP** Isacir H.Andreoni Jr. ĵus elektita Prezidanto de BEJO antaŭne longe revenis de volontula servo en UEA, Rotterdam, entute preskaŭ kvinmonata for esto dum kiu li partoprenis ankaŭ la UK, en Tel-Aviv, tre aktive tie en la Amerika Budo kaj iĝis oficiale Cshe-instruisto,post A-Seminario.Postkongrese li iris al Britio instrui E-on en la 40-a Somerlernejo en la Kolegio Wedgewood,urbo Barlaston.Li ankoraŭ vizitis Francion por fari B-Seminarion kaj al Bulgario,okaze de TEJO-Seminario, por instrui.

## ATENTIGOJ

-Bv. komuniki ĉiam tuj iun ajn ŝanĝon de adreso, telefono, elektronika adreso,ktp.por faciligi la jaran raporton al UEA,kiun plenumas la ĈD.(Eblas komuniki rekte al UEA sed bv.konsideri ke la ĈD respondecas pri aktualigaj informoj, do informu ankaŭ kopie al ĈD ĉar UEA nur notas kaj ne transdonas sciigon al ĈD. Se vi informas vian RD-on(Regiona Delegito),estas en ordo ankaŭ, ĉar RD raportas dumjare al ĈD. Se vi kontaktas rekte la ĈD-on, tiu informos la RD-on. SED KOMUNIKU, KONSULTU, INFORMU ĉiam!

-Atentu ke por ŝanĝo de posteno aŭ enpostenigo, bv. plenigi novan Respondilon, ĉar la ĈD dorsflanke de la Respondilo aprobas aŭ ne, la postenon kaj poste liveras al CO-UEA por akcepto. Se vi ne havas ekzempleron petu ĝin de via RD aŭ ĈD.

- Loka Delegito en urbo gravas, Vic-Delegito ankaŭ ĉar tiu anstataŭas la D-on,kiam bezone. La D kaj la VD rajtas esti samtempe FD (Fak-Delegito).

## DELEGITA RETO

(Klarigoj pri postenoj en DR)

En la lasta numero de *Regione* estis sekcio nomita "NOVAJ DELEGITOJ", p.15 kun la nomoj kaj respektivaj urboj/Ŝtatoj. Kelkaj el la Delegitaro, miskomprenis la titolon kaj supozis ke temis ekskluzive pri Lokaj Delegitoj.Iasence la precizeco, ĉefe en parola momento, ĝeneraliĝas kaj oni tute nature demandas: "Ĉu vi estas Delegito de UEA?" La homo respondas "jes" aŭ "ne". Ankaŭ tute nature oni daŭrigas se la respondo estis "jes": "Kiun postenon vi havas?" Kaj la respondo estas: "Fakdelegito", "Vicdelegito", "Delegito de la urbo". Kiam dum malfermaj ceremonioj mi surpodie salutas kiel Ĉefdelegito, certe mi jam diris: "Karaj Delegitoj" sed neniel intencis saluti nur la Lokajn Delegitojn!Tiel ke se oni volas observi rigore la esprimojn kaj konsultas la Regularon, konstateblas:

"1.Amplekso.Ĉi tiu regularo donas preskribojn pri la elekto kaj funkciado de la **delegitoj** en la senco de paragrafo 21 de la Statuto." (*Obs.:ne nur de Lokaj Delegitoj...*)

"3.Kategorioj-(1)-(II):loka delegito (mallonge delegito)..."

"4.Oficperiodo (1)La elektojaro por la **delegitoj** estas 1995 kaj..."

(Kompreneble ne temas plu nur pri Lokaj Delegitoj!)

Plie, la esprimo "Delegito" en la sekvaj paragrafoj de la Regularo ampleksas ĉiujn kategoriojn: "9. Senpaga servo;kompenso.**Delegito** disponigas siajn servojn..." "10.Validedeco de petoj.(2)**Delegito** povas rifuzi validpeton..."

TAMEN, kara **DELEGITA RETO**, ĉar en la Statuto de UEA, "20. **Delegitoj**. La delegita reto konsistas el delegitoj, vic-delegitoj fak-delegitoj, junularaj delegitoj kaj eventuale aliaj kategorioj." - ŝajne la vorto **Delegitoj** korespondas al ĉiuj kategorioj, mi tre sincere salutas **ĉiujn kategoriojn delegitrete...**

## LETERE

**VD kaj FD en Campinas, SP**

*James Rezende Piton:*

"En Aprilo, 11-16, okazis la brazila/portugala filatela ekspozicio Lubrapex 2000. En ĉiu dua jaro tiu granda ekspozicio okazas, foje en Portugalio, foje en Brazilo. Ĉijare ĝi okazis,kompreneble pro la 500-jariĝo,en Salvador. Inter la 450 montropaneloj,kvin (n-roj 088 ĝis 092) okupis Esperanto, per mia kolekto "Babelo estu detruita". Tra ok dek folioj mi prezentis la lingvan problemon,la historion de Esperanto kaj nian movadon. Tion mi faras de dek jaroj kaj ĝi montriĝas interesa informilo en filatelistaj rondoj kaj por la ĝenerala publiko ( oni miras, ke tiom da poŝtaj instancoj oficiale omaĝis Esperanton per cento da poŝtmarkoj kaj miloj da poŝtstampoj). Ne temas do pri leteroj ricevitaj de esperantistoj, aŭ glumarkoj aŭ privataj poŝtkartoj, sed pri ĉiaj oficialaj poŝtaĵoj en aŭ honore al Esperanto."

**D kaj FD en Varginha,MG**

*João Otávio Veiga Rodrigues:*

"Mi ricevis la etan grandegan *Regione* - De legitreta Organo BR/UEA. Unue mi dankegas pro la sendo. Maltrankviliĝas min la demandoj kiuj estas en la dua paĝo:**"Malinteresiĝo? Elspezo?"** Tute ne.**Nur izoleco**. La plimultaj delegitoj laboras solaj.En Varginha, ĝis mia alveno estis neniu esperantista societo. Neniu apogas nin. Kiam vi sukcesas entuziasmigi la esperantistojn de la najbaraj urboj,komencas laboron,stariĝas regiona esperantista societo,pro profesiaj devoj gvidantoj transloĝiĝas." "Mi disvastigas artikolojn de Esperanto, daŭrigas kursojn. Mi partoprenis kongresojn de Kampo Granda kaj poste Salvador,ŝtata en San-Paŭlo,sudregiona kaj IKI en Campos do Jordão kaj kongreso en Juiz de Fora. Tiu ĉi estis la lasta." "Malfacile mi sukcesas renovigi la abonojn." "Mi deziras nur ke vi komprenu ke unu hirundo ne faras someron." "Ne estas facile labori sole. Kiam mi loĝis en Kampinaso, kune kun samideanoj ni starig-

is -Kultura Centro de Esperanto ,aktive ĝis nun!" "Mi petas ke vi rigardu la silenton kaj la malproksiman pozicion de la delegitoj per tiu ĉi bildo,priskribita antaŭe." "Mi interesiĝas pri Esperanta Movado, pri la Instruo de Esperanto, pri la internacia lingvo mem, kaj ĉiam kiam mi povas mi instruas,disvastigas kaj praktikas Esperanton." (NOTO: La D kaj FD vizitis la hejmon de la ĈD en 13/4/2000!)

**D kaj FD en Teresina, PI**
*João de Moura Fé*:




(Poŝtkarto ricevita, kun afablaj salutoj kaj anekse artikolo por Brazila Esperantisto) 24/5/2000

**FD en Rio de Janeiro, RJ**
*Fernando J. Galvão Marinho:*
Bedaŭrinde, la Gazeto Diário de Petrópolis ne plu regule aperigas la rubrikon,kiu enka
ne plu regule aperigas la rubrikon,kiu enka
drigis, ĉiutage, tri artikolojn de konstantaj kunlaborantoj. Okazis ŝanĝoj en la estraro de la ĵurnalo.Sekve de tio,interrompiĝis la serio de artikoloj senditaj de mi. Inter 8/5/1999 kaj 2/10/2000 mi sukcesis aperigi 67 artikolojn. Sufiĉe bona kvanto,ĉu ne? Nun mi invitas vin viziti la novan angulon de mia hejmopaĝo:
www.point.com.br/sementeira/TIArtig.htm

**D en Valença, RJ** (por jaro 2001)
*Rogério de Freitas*:
"2000/OCT/07: Saluton, Symilde
Ni AGOTAGAS!!!
Deolinda, Rogério,Laís(kiu baldaŭ naskiĝos), Evandro Avellar, Yanni Avelar, Evandro Freitas. De CEYP-membroj."

**VD kaj FD en Muritiba, BA**
*Manoel Borges dos Santos*:
"Kun kora danko pro via invito,(ke mi partoprenu la omaĝon al D-roWaleski Zamenhof), mi sciigas vin ke mi faris tion kaj min sentis tre feliĉa en tiu bela festo de la brazila esperantista familio,je omaĝo al la nepo de nia Majstro kaj ankaŭ tre aktiva membro de nia Tutmonda Movado.Lia ĉeesto, parolado kaj personeco konfirmis la impreson kiun oni havis pri li per legado de nia gazetaro. Pli unufoje... dankon al vi!...

## NEKROLOGO

La Delegita Reto esprimas siajn sentojn de respekto kaj rekono,kiel elstaraj personecoj, al la forpasintoj el inter ni:
**FD en São Paulo, SP**
Waldir Lisboa Rocha
**D kaj FD en Lauro de Freitas, BA**
Leopoldo H. Knoedt
**FD en Barra Mansa, RJ**
Ecy da Silva Ferreira
**FD en Bauru, SP**
Ivon Barbosa

## NOVAJ DELEGITRETANOJ

(Intertempe ĝisdatigitaj per dokumentaj plenumoj):
**FD en São Paulo, SP**
Mariselle Zimmermann
**FD en Rio de Janeiro, RJ**
João Silva Santos
**FD en Niterói, RJ**
Walmir Rego
**D en Espírito Santo do Pinhal, SP**
Antonio Luís Lourenço dos Santos
**D kaj FD en Ouro Preto, MG kaj Joanes, PA**

## PITORESKAĴOJ

### DUOBLA LOĜLOKO

Elstaras ĉi-foje originala okazaĵo: Kandidatiĝis por la Delegita Reto S-ino Oliva Van Eeghem,Profesio Komercistino kaj Turista Gvidistino,kiu loĝas po sesmo monate en du diversaj urboj ( Ouro Preto, MG kaj Joanes, PA) kaj tie deziris delegite kaj fadkdelegite aktivi.CO-Direktoro,de mi konsultita(perletere kaj persone en UK-Tel-Aviv) respondis ke tio eblas, kondiĉe ke estu nur unu kontaktadreso...Tiel ke ni havos por BR - Delegita Reto saman duoblan Lokan Delegiton kaj saman duoblan Fakdelegiton je unu fako en unu loko kaj du fakoj en la alia:
Ouro Preto, MG: Loka Delegito kaj Fakdelegito pri Turismo kaj Arto Baroka.
Joanes, PA: Loka Delegito kaj Fakdelegito pri Turismo.

### PERTELEFONA BABILADO

**D kaj FD** en Uberlândia, MG Dina Lima Andreani, de kelkaj jaroj fojfoje afablege telefonas al la ĈD kaj detale interbabiladas pri sia aktiveco loka: kursoj, priesperantaj kontaktoj, planoj, renkontiĝoj, interŝanĝaj opinioj, ktp.

### TURISTA DELEGITRETANO

Estas en la Delegita Reto originala kazo de FD kiu loĝis en la Nordo, havis kontaktadreson en Nordoriento, poste loĝis en Centrokcidento kun sama kontaktadreso en Nordoriento...

### "NOVA SENTO"

La oficiala bulteno de Uberlândia Esperanto-Klubo, numero 9 - Jaro 53 - 2000,entenas grandparte la tradukon portugalan de origina la teksto en Esperanto(al neesperantistoj aŭ ne parolantoj de Esperanto aŭ komencantoj) pri "Delegita Reto de UEA: Konsiloj por Delegitoj de UEA" verkita de VD kaj FD en Uberlândia, Luiz Cláudio de Oliveira.

## REGIONAJ DELEGITOJ

Danke al eks-Ĉefdelegito Jorge das Neves, Brazilo escepte havigis la rajton dividi la landon en regionojn por faciligi la laboron. Ankaŭ la regiondividoj estis de li establitaj en Amazonio, Nordoriento, Centrokcidento Oriento kaj Sudo anstataŭ la landa,geografia divido Nordo,Nordoriento,Centrokcidento, Sudoriento kaj Sudo.De tio fontis ene de la movado regionaj,ŝtataj organizaĵoj esperantistaj kiuj komune agadas, ĉefe renkontiĝe: Sudo: Rio Grande do Sul, Santa Catarina, Paraná kaj interakordiĝe São Paulo, kiu siafoje kaj duoble, por Sudoriento partoprenas ankaŭ en la ŝtatoj Rio de Janeiro, Minas Gerais kaj Espírito Santo; la Nordorientaj ŝtatoj harmonie kaj regule kunlaboras.
La Regionaj Delegitoj superrigardas siajn respektivajn regionojn, kontaktas la delegitaron, raportas jare al la Ĉefdelegito.

## ŜANĜOJ

Bv. je la ricevo de nova Jarlibro, kontroli la ekzaktecon aŭ ne, de la tekstoj, reference al vi mem.Intertempe ni notis kelkajn ŝanĝojn sed ankoraŭ ne definitive ĉar la limtempo estas por ĈD januaro,sed por la Delegita Reto prefere ĝis fino de decembro.
Por Jarlibro 2001 estos aldono de novaj urboj: Joanes,PA -Ouro Preto,MG- Divinópolis, SP - Espírito Santo do Pinhal, SP. Eble Campos, RJ. Demeto de urbo Lauro de Freitas, BA.Vi trovos korektojn, aldonojn, translokiĝojn, ktp.

## SUGESTOJ

Interalie, ĉu ne estus vere taŭga kaj interese se la partoprenantoj de Delegita Reto verkus pri sia loka esperantista agado, kiel ĉi sube,resume, ni konstatos plenume de la FD Luis Antonio Pereira de Oliveira Jr. rilate la urbon Uberlândia kaj sian propran kunlaboron?

*"1987: Mi konis Internacian Lingvon Esperanto en tiu jaro kaj eklernis ĝin. Pri 1996 profitante universitatan disciplinon mi serĉis dokumentojn pri esperanto-movado kaj verkis kune kun gekursanoj artikolon, kiu poste estis eldonita kaj lanĉita de Uberlandia E-Klubo. En 1997 diversaj kursoj estis malfermitaj. Artikoloj kaj intervjuoj estis publikigitaj en la loka gazetaro. En aprilo Luiz Cláudio Oliveira, lingvisto, venis partopreni kun ni la laboron. Interalie ni organizis Kulturan E -Semajnon kun kursoj. 1998:NOVA SENTO; oficiala informilo de UEK estis presata. Mi fariĝis estro de Departemento de Esperanto en Spiritisma Centro de Esperanto kaj en aliaj mi kreis E-kursojn. En 1999 mi profitis kiel arkivanto en Arkivo de Publika Municipo de Uberlândia,fondi E-Dokumentaran Centron kaj Instruadon en Uberlândia.Tie mi organizis dokumentojn, ricevis donacojn, abonis diversajn revuojn kaj E-informilojn, serĉante financajn rimedojn por funkciigo. Ĝi estas por libera vizitado kaj akceptanta donacojn de libroj, revuoj, stampiloj, ktp. Estis organizita ankaŭ Seminario: "Esperanto kaj esperantismo", kiel Regiona Renkontiĝo partoprene de urboj Catalão, Araxá, Prata kaj Uberlândia. En Septembro, mi finis universitatan kurson pri Historio(bakalaŭro kaj licenciato), defendinte monografion: "Esperanto kaj Esperantistoj: En la praktiko la revoj ne maljuniĝas aŭ La unua fazo de la esperantista movado 1887-1917". Septembro,22-an mi kontaktis la Urban Konsilanton Carlos Alberto Jorge kaj prezentis dokumentojn petante lin prepari Leĝo-Projekton: "Enkonduko de Esperanta lernado en urbaj lernejoj." 2000: Mi daŭrigas kiel estro de Departemento de Esperanto de Spiritisma Centro de E-o Joana D'Arc kaj respondeculo pri "Sektoro de Esperanto" en AME. En tiu ĉi jaro mi aperis en UEA-Jarlibro kiel Fak-Delegito pri Arkivo, Historio kaj Spiritismo."*

Além Paraíba, MG
Alto Paraíso de Goiás, GO
Anápolis, GO
Aquidauana, MS
Aracaju, SE
Aracruz, ES
Araraquara, SP
Araxã, MG
Atibaia, SP
Barra Mansa, RJ
Balneário Camboriu, SC
Bauru, SP
Bebedouro, SP
Belém, PA
Belo Horizonte, MG
Brasília, DF
Caçapava, SP
Campina Grande, PB
Campinas, SP
Campo Grande, MS
Campos do Jordão, SP
Campos dos Goitacazes, RJ
Candeias, BA
Caraguatatuba, SP
Caruaru, PE
Cascavel, PR
Castro, SC
Catalão, GO
Chapecó, SC
Cuiabá, MT
Curitiba, PR
Divinópolis, MG
Duque de Caxias, RJ
Espírito Santo do Pinhal, SP
Florianópolis, SC
Formiga, MG
Fortaleza, CE
Gama, DF
Goiânia, GO
Governador Valadares, MG
Guaratinguetá, SP
Guarulhos, SP
Ilhéus, BA
Ipatinga, MG

Itabuna, BA
Joanes, PA
João Pessoa, PB
Joinville, SC
Juazeiro do Norte, CE
Juiz de Fora, MG
Londrina, PR
Lorena, SP
Maceió, AL
Mauá, SP
Moji das Cruzes, SP
Montes Claros, SP
Muritiba, BA
Natal, RN
Niterói, RJ
Nova Iguaçu, RJ
Olinda, PE
Ouro Preto, MG
Paraíba do Sul, RJ
Paulínia, SP
Petrópolis, RJ
Pindamonhangaba, SP
Pocinhos, PB
Porto Alegre, RD
Prata, MG
Presidente Prudente, SP
Promissão, SP
Recife, PE
Resende, RJ
Ribeirão Preto, SP
Rio Branco, AC
Rio Casca, MG
Rio de Janeiro, RJ
Rio Grande, RS
Salvador, BA
Santa Albertina, SP
Santiago, RS
Santo André, SP
Santos, SP
São Bernardo do Campo, SP
São Gonçalo, RJ
São José do Rio Preto, SP
São Paulo, SP
São Sebastião do Caí, RS

Sorocaba, SP
Taubaté, SP
Teresina, PI
Teresópolis, RJ
Três Rios, RJ
Ubá, MG
Uberlândia, MG
Varginha, MG
Viçosa do Ceará, CE
Vitória, ES
Volta Redonda, RJ

ACRE - AC
ALAGOAS - AL
BAHIA - BA
CEARÁ - CE
DISTRITO FEDERAL - DF
ESPÍRITO SANTO - ES
GOIÁS - GO
MINAS GERAIS - MG
MATO GROSSO DO SUL - MS
MATO GROSSO - MT
PARÁ - PA
PARAÍBA - PB
PERNAMBUCO - PE
PIAUÍ - PI
PARANÁ - PR
RIO GRANDE DO SUL - RS
RIO GRANDE DO NORTE - RN
SANTA CATARINA - SC
SERGIPE - SE
SÃO PAULO - SP

100 URBOJ

21 PROVINCOJ

5 DR - REGIONOJ

5 REGIONAJ DELEGITOJ

*DR - UEA - BR*

# *MEMORO KAJ SAŬDADO*

*Memoro kaj Saŭdado estas dramo*

*Kiun la homo vivas sur la tero...*

*Li ne liberiĝas de l'sufero,*

*Katenas lin ligiloj de la amo.*

*Kaj kien ajn li iras, jen la flamo*

*Fajranta lian bruston sen espero...*

*Lin ne vizitas beno de l'prospero,*

*Kaj nun ne plu la ĝojoj de l'iamo.*

*Pri la pasinto de feliĉa homo,*

*Amanta kaj amata ĉe la domo,*

*Nur restas venko de l'dolorinvado! ...*

*Kaj nun dilemo ĉe la kruca vojo:*

*Se li forgesas, venas la malĝojo,*

*Se li memoras, venas la saŭdado!...*

***Manoel Borges dos Santos***
DR-Muritiba, BA
(Publikigita en MONATO, Aprilo-2000)

# *PACO*

ANTAŬPAROLO

Mi havas neniun pretendon kun tiu ĉi libreto. Mi nur volas montri ke la afe roj estas pli simplaj ol multaj pensas. Se mi ne pravas,tre for de la vero mi verŝajne ne devas esti.

Antaŭe mi supozis ke,sen la reenkar niĝo,estus tre malfacile klarigi la vivon en tiu alia flanko, por la plejparto de tiuj kiuj forlasas tiun ĉi mondon. Post mul te da studado pri tiu temo, mi venis al konkludo ke ĝi estas neimagebla.

Mi supozas ke estas tre grava komu nii kaj aŭskulti la pastron ripeti tiun sek vajn vortojn de Jesuo Kristo: mi donas al vi Mian Pacon.

La aŭtoro

ENHAVO


AŬTORO: *JOSÉ RÓIZ*, FD-UEA
VERKO: *PAZ*, en la portugala.

# NEIDE BARROS RÊGO

## FD EN NITERÓI, RJ

(Poezio; deklamado)

En 1999 ŝi publikigis la libron de sia enposteniĝo en la Akademio de Beletro de Barbacena,MG,Katedro N-o 37,en 23/10/98.De p.78 ni tradukas ŝian artikolon, publikigita en la Jarlibro de la ABB 98/99:

"Antaŭ unu jarcento en la urbo Barbacena, Ŝtato Minas Gerais, 6/12/1898,naskiĝis tiu, kiu fariĝus fama deklamistino,poetino, supera ino de privilegia inteligenteco,instruistino renoma de la *Arto de Eldiro*, intelektulino respektata kaj admirata: Maria Sabina, Patrono de la Katedro N-o 37, de la Klaso de Korespondantoj de ABB, por kiu honore mi estis elektata.Lernantino de Maria Sabina kaj ŝia fervora admirantino, emocie mi estas devigata laŭdi kaj ekzaltigi tiun respektindan minasaninon. Por honorigi ŝian nomon kaj kunvivadi kun personoj kiuj amas la poezion, mi fondis en 24/6/1961, en Niterói, kurson de la Arto de Deklamado al kiu mi donis la nomon *Kurso Maria Sabina*."

En paĝo 91 ni trovas la partoprenon de Neide Barros Rêgo ene de E-Movado:

"Dumviva membro kaj Fakdelegito - UEA en Niterói,por Poezio kaj Deklamado,membro de BEL,AERĴ kaj NEK, kie ŝi studis la internacian lingvon,instruita de la profesoroj Emílio Ferreira,Balbina Ferreira kaj Jair Salles.Ekde 1975 ŝi partoprenis de solenaĵoj,ŝtataj renkontiĝoj kaj brazilaj kongresoj en urboj Niterói-RJ, Rio de Janeiro-RJ, Vitória-ES,Natal-RN,Juiz de Fora-MG,São Paulo-SP, Ribeirão Preto-SP, Curitiba-PR, Campo Grande-MS, Nova Friburgo-RJ, B. Mansa-RJ,Petrópolis-RJ,Rio das Flores-RJ, Paraíba do Sul-RJ kaj aliaj,deklamante en Esperanto. En 1992 ŝi deklamis en Vieno, Aŭstrio dum la 77-a UK,la poemon *"Se estas paco"*,de Luna Fernandes,tradukita esperanten de Sylla Chaves. Ŝi prezentiĝis en 1998, en Montpeliero, Francio, dum la 83-a UK,deklamante por tri mil esperantistoj de pli ol kvindek landoj,la poemon*"Himno"*,de J.G.de Araújo Jorge,tradukita de Syl-

la Chaves. Ŝi ankaŭ partoprenis apud kan
tistoj de pli malpli tridek landoj,de la pre
zentadoj de la Internacia Koruso de Esper
anto,sub direktado de la orkestestro Dimi
tár Terziev, el Bulgario, en Vieno (1992)
kaj Montpeliero (1998).Internacia Premi
o: En 1998, ŝi partoprenis la Belartajn
Konkursojn de UEA per la filmo *"Neide
deklamas"*,en kiu ŝi interpretis poemojn
en Esperanto, du el ili kiujn ŝi mem tra
dukis: *"Genezo"* de Carlos Alberto dos
Santos kaj *"Ambicio de Akvoguto"* de
Jacy Pacheco, premiata en la kategorio
*Vidbendo*, la plej granda premio inter la
filmoj konkurantaj de partoprenantoj el
aliaj landoj.
El inter la salutmesaĝoj de esperantistoj
por la solenaĵo enposteniĝa:

**D-FD,RD** Luiz Alberto de Oliveira Coe
lho (nuna Prezidanto de AERĴ): *"Kara a
mikino Neide Barros Rêgo.Korajn salu
tojn!Vian afablan inviton al Barbacena
23-an de pasintmonata oktobro,mi dan
ke ricevis,sed tute ne povis ĉeesti pro
neprokrasteblaj devoj ĉi tie.Domaĝe.
Gratulon.Kun plej sinceraj bondeziroj
al vi k via familio,denove salutas vin."*

**FD,BEL-PREZIDANTO,** Osvaldo P.
de Holanda kaj edzino Delza M.Jesus:*La
graveco de via enposteniĝo en la 37-a
Katedro de la Beletra Akademio de
Barbacena , havas elstaran signifon
pro tio ke,ĝia patrono estas Maria Sa
bina,poetino,kies altan inteligentecon
vi tiom admiras kaj disvastigas. Mi
kaj mia edzino multe bedaŭris la nee
blecon ĉeesti la gravegan eventon.Por
la honora invito,ni eltutkore dankas."*

**D,FD,ĈD,** Symilde Schenk Ledon kaj
edzo Gilbert René Ledon,**VD,FD**:*"Kare
ga Neide,ni dankas la ricevon de pro
gramo de Poezio de Beletra Akademi
o de Barbacena,kies ĉeesto ne eblas*

*al ni pro antaŭaj kompromisoj agendaj. Transdonante niajn gratulojn, same ni esprimas plej sinceran ĝojon pro la premio kiun vi ricevis en la Konkurso de UEA, Montpeliero, 1998. Ĉirkaŭbrakon ankaŭ al via edzo."*

# HONORA MEMBRO DE UEA

Inter la anoncitaj novaj honoraj membroj de UEA, en la UK-Tel-Aviv, Jaro 2000, estis meritoplene tiu de Prof-ino *Elvira Fontes*,iama **D kaj FD** kaj nuna **F D**,laŭ jenaj biografiaj notitaĵoj: "Instruistino de la franca, ŝi eklernis E-on en 1960. En la posta jaro ŝi ekinstruis en EASP, kion ŝi faradis dum 38 jaroj.Instruis E-on en la lernejo"Caetano de Campos", sub la aŭspicio de la Provinca Departemento pri Edukado, kaj ĉe TV Cultura. Ŝi plu instruas ĉe Coligação Espírita Progressista en San-Paŭlo. Prezidanto de EASP 1974-1983 kaj longtempe redaktoro de ĝia bulteno *La Lampiro*. Dum multaj jaroj ŝi respondecis pri la organizado de ekzamenoj de Brazila Esperanto - Ligo dum la Brazilaj E-Kongresoj. Ŝi estas direktoro de la Departemento pri Instruado de EASP kaj Sekciestro de ILEI en Brazilo.De 1973 ĝis 1988 ŝi havis konstantan rubrikon pri Esperanto en la ĵurnalo *Diário Popular* de San-Paŭlo. Oni ofte invitas ŝin paroli pri Esperanto ĉe ĵurnaloj kaj televidstacioj. Estis eldonitaj du ŝiaj verkoj: *Unuaj Paŝoj* (en 1996 jam la 6-a eldono) kaj *Survoje al Esperantujo* (1991). Ŝi pretigas dudirektan portugalan Esperanto-vortaron. Membro de UEA ekde 1970,fakdelegito pri literaturo ekde 1973 kaj komitatano A 1974-1980.

*"UNUAJ*

*PAŜOJ"*

*"SURVOJE*

*AL*

*ESPERANTUJO"*

# SURVOJE AL ESPERANTUJO

(1-a Eldono-1991, p.I)

Kara koleg(in)o,

Ĉi tiu lernolibro tute ne celas instrui gramatikaĵojn,sed iom pri strukturo de Esperanto, tiel ke la lernantoj kapablu uzi la lingvon en la ĉiutaga vivo. Do la lecionoj devas esti tre praktikaj. Ili postulas minimume unu horon kaj duonon de daŭro. En la klasĉambro oni faru nur la malpli facilajn ekzercojn. La lernantoj devas respondi la demandaron jene: A faras demandon al B, kiu post la respondo, faras demandon al C. Tiu demandos al D, ktp. Estas interese, ke la lernantoj aldonu al la demandaro kelke da demandoj. Ekzemple: en la 1-a leciono, la lernantoj povos demandi: Ĉu vi preferas kafon (teon) kun aŭ sen sukero? Ĉu Alica estas ĝentila? Kaj ŝiaj amikinoj? Al tiu lernanto, kiu prezentis en unu monato pli da demandoj (ĝustaj...), vi donacos iun ajn esperantaĵon. Rilate al la ekzerco pri asociado de ideoj (vidu la 15-an lecionon), tre utila al kreskigo de vortprovizo,unufoje en la monato vi povos elekti alian temon (kinejo, arbo, lernejo, cirko, bieno), kiel centran ideon. Estas konsilinde, ke la lernantoj sin preparu hejme. En la 10-15 lastaj minutoj de la leciono, vi faros sur la tabulo 3 (tri) vertikalajn liniojn, kiuj dividos kvar kolumnojn de vortoj (substantivoj, adjektivoj, verboj, adverboj). La tuta klaso partoprenos la ludon. Vi demandos: "Kiu diros la unuan vorton?". Ne necesas esti substantivo, ĉar la ordo ne gravas.Kiam estos sufiĉa nombro da vortoj, vi petos ke ili skribu frazon, uzante vortojn el tiuj kolumnoj. Poste ĉiu lernanto voĉlegos sian frazon. La klaso elektos la tri plej belajn frazojn. La venkintoj gajnos esperantaĵojn. Esperante, ke la libro almenaŭ iomete vin helpos,mi antaŭdankas vian atenton.

*Elvira Fontes*

San-Paŭlo, februaro 1991.

## SUGESTOJ

**-KLOPODI**

ĉe UEA por publikigo de oficiala bulteno

pri la tutmonda Delegitaro.

**-KLOPODI**

ke en ĉiuj landoj de DR aperu novaĵfolio

(-foliaro) pri aktiveco-raporto loka.

**-KLOPODI**

ke DR estiĝu pli vivanta sciige, ĉar

kontraŭe oni povus havi la impreson

ke DR temas nur pri dokumenta estaĵo...

**-KLOPODI**

ke la Delegitaro interkomunikiĝu

pli ofte, ĉu kolege, ĉu postene,

ĉu interlande.

**-KLOPODI**

ke kompletiĝu vakaj lokoj enurbe, ĉefe

Loka Delegito, Vicdelegito.

**-KLOPODI**

pri tio ke konstanta varbado estas

tre grava.

**-KLOPODI**

pri DR-aktiveco-informado ĉar
vivigado de Esperanto estas praktika
pruvo de ĝia utileco.

*HEINRICH FEDERER*

# SIKSTO KAJ SESTO

*Rakonto el la Abruzoj (Italio)*

El la germana tradukis
***Frato Bertino Goerner***
**D kaj FD**

La du protagonistoj de la rakonto estas la Papo Siksto la Kvina (latine *Sixtus Quintus*, familiare Sisto) kaj lia duonfrato Sesto. Siksto estis tre kapabla reganto. Unu grava problemo, kiun li renkontis, kiam li alprenis la administracion, estis la banditismo, kiun li klopodis elradikigi per senindulga, nefleksebla rigoreco. Por substreki la etoson de tempo (16-a jarcento) kaj spaco (Italio), la verkisto intence lasis en la teksto multajn italajn kaj kelkajn latinajn esprimojn, kiujn oni povas diveni el la kunteksto, sed se bezonate oni trovos ilin klarigitaj librofine.
Bonan legadon deziras al vi

*La tradukinto*).

1999.
Originala titolo: *Sisto e Sesto*
Revizie helpis Paulo Sergio Viana
kaj
Leopoldo H. Knoedt,
scipovanto de la germana lingvo.

*Fonto-Serio 38*
Gersi Alfredo Bays

*"Tiu estas la historio de Siksto kaj Sesto kaj mi ne havas ion plian por aldoni, nur ke Sesto pretervivis ne nur Sikston sed ankoraŭ tri Papojn, tiel bone kaj sane li mastrumadis. Sed Pozdo pretervivis sep Papojn kaj tri kapablajn edzinojn, kaj kiel vidvo inter sepdek idoj de idoj plue estis tiu Peretti, kiu plej..."*

## ENHAVO

PAĜO

## DR-REGIONOJ

AMAZONIO:Belém,Joanes,PA. Rio Branco,AC.
NORDORIENTO:Campina Grande,PB. Candeias,BA.Caruaru,PE.Fortaleza,CE. Ilhéus,BA.Itabuna,BA.João Pessoa,PB. Juazeiro do Norte,CE.Maceó,AL. Muritiba,BA.Natal,RN.Olinda,PE. Pocinhos,PB.Recife,PE.Salvador,BA. Teresina,PI.Viçosa do Ceará, CE.
CENTROKCIDENTO:Alto Paraíso de Goiás,GO.Anápolis,GO.Aquidauana,MT Brasília,DF.Campo Grande,MS.Catalão, GO.Gama,DF.Goiânia, GO.
ORIENTO:Além Paraíba,GO.Aracruz,ES Araxá,MG.Barra Mansa,RJ. Belo Horizonte,MG.Campos dos Goitacazes,RJ.Divinópolis,MG.Duque de Caxias, RJ.Formiga,MG.Governador Valadares, MG.Ipatinga,MG.Niterói,RJ. Nova Iguaçu,RJ.Ouro Preto,MG. Paraíba do Sul,RJ.Petrópolis,RJ. Resende,RJ.São Gonçalo,RJ.Ubá,MG. Uberlândia,MG.Varginha,MG. Vitória,ES.
SUDO:Atibaia,SP.Araraquara,SP. Balneário Camboriu,SC.Bauru,SP. Bebedouro,SP.Caçapava,SP.Campinas, SP.Campos do Jordão,SP.Cascavel,PR. Castro,PR.Chapecó,SC.Curitiba,PR. Espírito Santo do Pinhal,SP. Florianópolis,SC.Guaratinguetá,SP. Guarulhos,SP.Joinville,SC.Jundiaí,SP. Londrina,PR.Lorena,SP.Mauá,SP. Mogi das Cruzes,SP.Paulínia,SP. Pelotas,RS.Pindamonhangaba,SP. Porto Alegre,RS.Presidente Prudente,SP. Promissão,SP.Ribeirão Preto,SP. Rio Grande,RS.Santa Albertina,SP. Santo André, SP
Santos,SP.São Bernardo do Campo,SP São José do Rio Preto, SP. São Paulo,SP.São Sebastião do Caí,RS. Sorocaba, SP. Taubaté, SP.